

KVARMONATA, KULTURA KAJ MOVADA REVUO

# La LAMPIRO

49-a jaro n-ro 120 2008

## 200-jariĝo de alveno de la reĝa familio al Brazilo

## Politiko kaj Etiko

## Pensoj de Leonardo da Vinci

**La LAMPIRO**

49-A JARO N-RO 120 2008

*Oficiala Organo de EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 6091-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO:**
Joseo Tenorjo

**REDAKCIO:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**Retpoŝto:** lalampiro@easp.org.br

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2008: R$ 25,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*



# Enhavo

## ARTIKOLOJ:



## POEMOJ:



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILFOTO:**
La Vitruvia Viro, de la itala renesenca pentristo Leonardo da Vinci

# Enkonduko

Karaj Legantoj

Jen vi havas enmane la 120-an numeron de La Lampiro.

De nun ĝia aperritmo fariĝos kvarmonata.

Dum la lastaj du jaroj ni provis eldoni ĝin trimonate, sed pro diversaj kialoj, inter ili manko de skribita materialo, ni ne trafis la celon.

Ni petas de vi pardonon pro nia neperfektaĵo kaj samtempe ni ankaŭ esperas de vi sendu kontribuaĵojn, por ke ni aperigu nian revueton akurate.

La Redaktoro.

# Kredu se vi povas

*Esperantigis: Nanci Grott de Carvalho*

**Fernando J.G. Marinho**
*Rio de Janeiro-RJ*

En la lastaj jaroj mi akiris mirindan kutimon: ĉiutage marŝi ses-ok km. La nura fizika ekzercado jam sufiĉus por havigi tre pozitivajn rezultojn. Tamen, marŝante, mi provas ekpraktiki aliajn ekzercojn pli ligitajn al la medio de la ideoj, de la imagopovo. Kaj ĝuste tiam, dum antaŭnelonga marŝado, kiam mi spiradis la puran aeron de la montaro, supren kaj malsupren irante laŭ longaj vojspacoj, sentante la freŝan brizon kaj mildan parfumon de la vegetaro, venis en mian menson stimulaj filozofiaj pripensoj, rilataj al la elvolviĝado de la homa konscio.

Estus al mi plaĉe dividi kun multaj personoj la ideojn venintajn en mian menson. Eble tiam kelkaj el tiuj personoj eksentus la saman plezuron spertitan de mi, dum mi meditadis pri la malsamaj konsciencniveloj distingantaj la vivajn estaĵojn.

Mi ne scias tion, kio netendite igis min pensi pri la balenoj kaj pri la homaj grupoj, kiuj plej vigle sin donas al la protekto de tiuj bestoj.

Ĝis nun, mi supozas, ke la balenoj ne havas koncepton pri la ekzistado de estaĵoj prizorgantaj la antaŭsavon de tiu animala specio. Cetere, mi ankaŭ supozas, ke ili eĉ ne suspektas pri la signifo de "prizorgo", "antaŭsavo", " specio" kaj eĉ malpli pri la rilatoj inter tiuj konceptoj.

La fakto, ke la balenoj ne ekkonscias pri la ekzistado de estuloj zorgantaj pri ilia antaŭ savo ne malebligas, ke tiuj estuloj plinombriĝu kaj persistu batali por protekti ilin.

Kaj ĉu ne ni mem, homoj, estas ankaŭ animaloj ne dotitaj de ia konscio – almenaŭ en la nuna evolustadio – kapabla percepti la ekzistadon de estaĵoj, estuloj aŭ superaj fortoj kiuj, analoge al tio, kio okazas al la



balenoj, prizorgas la antaŭsavon de nia povra specio?

La neakcepto de la ebleco pri ekzisto de io inteligenta, kiu estas for de nia perceptokapablo, nepre ne garantias, ke tiu "io" estas nura frukto de malsaneca fantaziado.

La movadoj favoraj al ekologio pliperfektiĝas tagon post tago, sendepende ĉu la anoj de la regnoj minerala, vegetala kaj animala estas aŭ ne konsciaj pri tio, kion oni faras tiurilate.

Ne povas ne esti stimule akcepti la eblecon de ekzisto de iu mistera kaj senkorpa forto batalanta favore de ni. Kio ŝajnas pli absurda: ĉu akcepti ĉi tiun hipotezon, surbaze de humila konstato de niaj perceptolimoj, aŭ nei ĝin, nediskuteble, surbaze de aroganteca certeco, ke ni estas racie neeraremaj?

Ĉe la komenco de ĉi tiu "konversacio" mi diris, ke plaĉus al mi dividi kun pluraj personoj la ideojn venintajn en mian menson. Kiacele mi faros tion? Nur por havi la plezuron ebligi al aliuloj eksenti la saman ĝojon sentitan de mi. La ĝojo deveninta de la trovo de ia signo, ia helprimedo, ia motivo kapabla plifortigi la fidon, kiu kelkfoje sin prezentas ŝanceligita, speciale kiam ni travivas malfacilajn momentojn.

Amiko leganto, mi sincere deziras, ke ĉi tiu teksto alportu al vi ian profiton. Akceptu, ke la fakto, ke la aŭtoro ne ekkonas vin persone, ne kontraŭas lian varman deziron esti al vi eventuale utila. Kredu, se vi povas.

# Pensoj de Leonardo da Vinci



**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*





*Leonardo Da Vinci: memportreto kaj modelo de helikoptero*

Leonardo da Vinci (Italio, 1452, Francio, 1519) estis eble la ĉefa reprezentanto de Renesanco, flanke de nomoj kiel: Mikelanĝelo, Botticelli kaj Galileo Galilei. Li estis unu el la plej grandaj genioj en la historio de la homaro. Li estis elstara reganto de pentrarto, skulptarto, inĝenierarto kaj sciencoj: anatomio, astronomio, matematiko, geometrio, biologio, fiziko, hidraŭliko, optiko, arkitekturo. Li ne konstruis teoriojn, li inventis sennombrajn maŝinojn, aparatojn kaj konstruaĵojn: flugmaŝinojn, paraŝuton, helikopteron, militarmilojn, veturilojn, submarŝipojn, pafilojn, templojn, eĉ planon de "ideala urbo".

Renesanco estis brila epoko en la historio. Post longa periodo de superstiĉoj, neraciaj kredoj, netoleremo, perforto, mizero kaj malsanoj, venis tempo, kiam artistoj, filozofoj kaj sciencistoj sukcesis ŝanĝi tion. Oni starigis "antropocentrismon" (la homon en la centron), raciecon, kaj valorigon de la naturo. Italio estis unu el la lokoj, kie plej forte eklumis la novaj konceptoj, ĉefe en la urboj Florenco, Ĝenovo kaj Venecio.

La plej konataj verkoj de Leonardo estas 12 pentraĵoj, kiuj atingis la nunan tempon (aliaj perdiĝis aŭ estis detruitaj). Inter tiuj, plej fama estas "Mona Lisa", ankaŭ nomata "Gioconda". Ĉi tiun nomon oni atribuas al la edzo de la virino kiu pozis, nome Francesco Giocondo, riĉa komercisto en Florenco. La farado de "Mona Lisa" daŭris pli ol kvar jarojn, kaj verŝajne la artisto ne finis ĝin. Ĝi troviĝas en muzeo "Louvre", en Francio, ĉar fine de sia vivo Leonardo devis forkuri al ĉi tiu lando, pro konfliktoj en Italio. En Francio, Reĝo Francisko la I-a aĉetis ĝin – kaj tie ĝi restis. Aliaj gravaj pentraĵoj estas la "Lasta Manĝo" kaj la "Vitruvia Homo". Ĉi tiu lasta desegnaĵo estas reprezenta bildo pri la filozofia sinteno de Renesanco: la homo, kiel la centra figuro en la Universo, naturaj kvalitoj kiel la ĉefaj en la vivo. La "vitruvia homo" montras homon kun idealaj homaj proporcioj, surbaze de matematikaj kalkuloj, serĉe de perfekta harmonio. Fakte, tiun bildon konceptis la romia arkitekto Marko Vitruvio Poliono (1-a jarcento p.K.), sed Leonardo sukcesis desegni ĝin perfekte.

Leonardo ne havis familian nomon, ĉar li estis neleĝa ido de kamparanino. Vinci estas la nomo de vilaĝo proksima al Florenco, kie li naskiĝis, Li estis vegetarano kaj eble ateisto – sed, kurioze, ofte li uzis religiajn temojn por siaj pentraĵoj. Pro akuzo pri samseksemo oni procesis kontraŭ li, sed li ricevis absolvon. Senlaca homo, li lasis pli ol 6000 paĝojn da manuskriptoj, inkluzive de "Traktaĵo pri Pentrarto". "La Granda Ĉevalo" estas projekto pri skulptaĵo, kiun li planis omaĝe al sia protektanto Francisko Sforza, sed li neniam forĝigis ĝin. Liaj biografiistoj asertas, ke li estis ĝoja kaj afabla homo, kiu ofte asertis: "Kiu ne amas la vivon, tiu ne meritas vivi!"

## PENSOJ ATRIBUATAJ AL LEONARDO DA VINCI

"Fero rustiĝas pro manko de uzado, akvo senmova malpuriĝas kaj en malvarmego frostiĝas – same nenifarado elĉerpas mensan viglecon."

"Ekzistas tri specoj de homoj: tiuj, kiuj vidas; tiuj, kiuj vidas, kiam oni montras al ili, kaj tiuj, kiuj ne vidas."

"Vanaj kaj erarplenaj estas sciencoj, kiuj ne naskiĝis de eksperimentado, kiu estas la patrino de ĉia scio."

"Simpleco estas la maksimuma rafiniteco."

"Riproĉu amikon private kaj laŭdu lin publike."

"Saĝo estas ido de sperto."

"La bona naturo estas tia, ke ĉie oni trovas ion por lerni."

"Nenio trompas nin pli multe, ol nia opinio."

"Homo neniam kreos ion pli simplan kaj pli belan ol kreaĵo de la naturo."

"Eksperimentado, patrino de ĉiaj artoj kaj sciencoj, ne trompas homojn, sed jes imagemo, kiu promesas ion, kion eksperimentado ne povas liveri. Eksperimentado estas senkulpa; krimaj estas niaj vanaj, frenezaj deziroj."

"Permesu, ke via animo estu simila al spegulo, kiu reflektas ĉiujn objektojn, ĉiujn movojn, ĉiujn kolorojn, tamen restante senmova kaj pura."

"Arto diras tion, kio estas nedirebla; esprimas tion, kio estas neesprimebla; tradukas tion, kio estas netradukebla."

"Bezono estas la plej bona instruisto en la naturo. Bezono estas temo kaj inventanto, eterna bremso kaj natura leĝo."

"Tempo longe daŭras por tiuj, kiuj scipovas profiti ĝin."

"Plej nobla homa pasio estas tiu, kiu amas imagon de belo, anstataŭ materia realaĵo. Plej granda plezuro staras en la kontemplado."

"Tiu akvo, kiun vi tuŝas en la riveroj, estas la lasta, el tiuj, kiuj foriris, kaj la unua, el tiuj, kiuj alvenas. Tia estas la nuna tempo."

"Amo estas virto, kiu forturnas vin de ĉio malĝoja kaj fia, kaj igas vin kontempli virtajn kaj honestajn aferojn. Havu vian patrujon ĉe la nobla ĉielo, kiel birdoj ĉe verdaj boskoj, sur florantaj branĉoj; kaj ĉi tiu amo plej bone montriĝas okaze de kontraŭstaro, kiel lumo, kiu pli hele brilas en mallumo."

"Scio faras la animon pli juna kaj malpligrandigas amaron de maljuneco. Kaptu do saĝecon. Stoku mildecon por morgaŭ."

"Atendante renaskiĝon, fenikso eltenas ardajn flamojn, kiuj ĝin konsumas."

"Malmulte da scio faras homojn fieraj. Multe da scio faras ilin humilaj. Tiel same, spikoj sengrajnaj arogante levas sian kapon al la ĉielo, dum grajnoplenaj spikoj ĝin mallevas al la tero, al sia patrino."

"Venos tempo, kiam homo konos la intimon de besto. Kaj en tiu tago, ĉia krimo kontraŭ besto estos krimo kontraŭ la homaro."

"Ĉio, kio nun staras en la nivelo de realaĵo, iam estis revo."

"Kiu ne punas malbonon, tiu ordonas, ke ĝi fariĝu."

"Plej belajn amvortojn oni eldiras per rigardo."

"Neniam imitu iun ajn. Via produktaĵo estu kiel nova natura fenomeno."

"Feliĉo staras en agado."

"Se vi ne sukcesas trovi solvon, tiam serĉu alian problemon."

# La necesejo

**Millôr Fernandes**
*Rio de Janeiro-RJ*

**Tradukis:**
*James Rezende Piton*

*"kiu plimultigas siajn sciojn, tiu plimultigas siajn dolorojn"*
*(La Predikanto, I, 18)*

Ne, ne la hejmo estas la lasta rifuĝejo de la civilizita homo, la lasta loko kie tiu povas kaŝi siajn ofendojn kaj dolorojn. Ne la hejmo estas la homa kastelo. La kastelo de homo estas ties necesejo. En konfuza mondo, en konvulsiaj tempoj, en senbrida socio, en diseriĝanta aŭ degeneranta familio, nur la necesejo estas libera angulo, nur tiu dom- kaj mondo-parto donas al la homo trankviligan spiron. Tie la homo sonĝas pri siaj plej lastaj filozofioj kaj duonmortaj kalkuloj pri paco kaj ripozo.



Antaŭe, en aliaj tempoj de la mondo, ekzistis liberaj ĝardenoj, privataj kaj publikaj, kie la homo povis dediĉi sin al meditado kaj preĝado. Malaperis la privataj ĝardenoj, ĉar la homo ekloĝis inter betonaj plankoj, kun du aŭ tri enskatoligitaj plantaĵoj kiel arbar-iluzio, ne sufiĉe grandaj por kaŝi ties korpon de la detrua furiozeco de la deviga proksimeco al aliaj homoj. Ne plu trovante la vastegajn romiajn placojn, kiuj kaŭzis senton pri soleco, ne plu havante la dezertojn, nun irigaciataj kaj loĝataj, pro manko de la grotoj de la kompanoj de Franĉjo el Asizo, kie oni povis cerbumi kaj pripensi, konkludi kaj maturigi, la homo retroiris, senesperiĝis kaj nur ekhavis trankvilan momenton kiam malkovriĝis lia sanktejo ene de la propra hejmo — la necesejo. Se ne frapas la pordon aliaj homoj (ĉar hejmo laŭdifine konsistas el edzino, edzo, filo, filino kaj alia familiano, proksima aŭ malproksima, ĉiuj kun siaj fizikaj kaj moralaj necesoj) li tie, kaj nur tie, dum kelkaj momentoj, kaŝas sin, enmemiĝas, pripensas kaj taksas sin.

Li estas sola, nur kun si mem, ĉio estas sekreta, neniu pridemandas, premas, devigas, tentas, sugestas, alparolas. Tie la hejmestro, ĉirkaŭ la kvardekjariĝo, rigardas la grizajn harojn, la malplenaĵojn super la frunto, kaj pensas, sen atestantoj nek kunkulpuloj, pri la negativaj celoj de la vivo, kiuj kondukas lin – kvankam treege sukcesinta en la praktika vivo – al tiu malrapida fizika degradiĝo. Li trankvile analizas sian fizionomion, sian profilon, atentas pri la dikeco, meditas pri vanaj pasintaj gloroj kaj decidas definitive fini siajn amoremajn pretendojn, ĉiam pli granda kaj daŭra angoro en mondo, kiu dronas en malstabileco. En tiu sama necesejo la dudekjara filo vante kontrolas siajn muskolojn, konstatas, ke li devas disvolvi pli la brustajn muskolojn, trejnas sian angulan rideton, faras seriozan kaj profundan mienon, kiun li intencas pli poste uzi antaŭ tiu sinjorino pli aĝa ol li, sed ankoraŭ plena je ĉarmoj kaj promesoj. Kaj tie la deksepjara filino venas legi la sekretan leteron ricevitan de sia kuzo, kies amsentoj estas nekonataj al la cetera familio. Ŝi jam legis la leteron antaŭe, en diversaj lokoj, sed tie ĉi ŝi havas la tempon kaj la solecon necesajn por la frandado kaj resopirado. Tie ĉi ŝi ankaŭ venas kontroli difinitan fizikan detalon, kiun oni surstrate prikomentis, dum ŝi preterpasis grupon da konstrulaboristoj, komento, kiun ŝi tiam aŭdis kun miksita sento pri hororo kaj malŝato. Tie

ĉi la dommastrino, la patrino, iom eluzita pro la jaroj, venas silente plori en la tago kiam ŝi malkovras aŭ eksuspektas pri malfideleco, eraro aŭ sensenca intenco de la edzo, filo, filino, gefratoj. Tie ĉi neniu surprize trafos ŝin, ŝi povos senti amaron ĝis la ploro kaj eliri post kelkaj minutoj, preta kaj trankvila, kun la animo kaj vizaĝo lavitaj, por rideme alfronti la aliajn misterajn kaj forajn estulojn, kiuj vivas en la sama hejmo.

Resume, ne ekzistas tiu, kiu neniam faris grimacon antaŭ la neceseja spegulo, nek tiu, kiu neniam havis genian penson kiam eksentis sur la korpo la unuan malvarmakvan ŝprucon. Tie ĉi ni havas la pacon por memkritiko, la necesan nudecon por la frustra sento, ke niaj korpoj ne estas taŭgaj por la ambicio de niaj animoj, tie ĉi ni eniras malpuraj kaj eliras puraj, tie ĉi ni plibonigas la malmulton, kiun ni povas plibonigi, ni eliras pli freŝaj, pli puraj, pli pretaj. La necesejo estas tio, kio restas de nepenetrebla por la animo kaj la korpo de la homo kaj volu Dio, ke Le Corbusier aŭ Niemeyer ne pensu fari ankaŭ ĝin el vitro, en plena adapto al la spirito de homaro pli kaj pli kolektivisma, sen la necesa kaj pasia sento de laŭokaza soleco. Tie ĉi, en tiu ĉi scenejo ni estas la solaj aktoroj kaj spektantoj, en tiu ĉi templo samtempe servanta kaj la dion de narcizismo kaj tiun de humileco, la nuntempa civilizo trovos sian plej altan esprimon, sian lastan spegulon – kiu estas ĝi mem.

— Ksantipa, diable, alportu al mi la bantukon!



Millôr Fernandes (1923) estas granda brazila humuristo, pensulo, tradukisto, verkisto, ĵurnalisto. La supra teksto unue aperis en "Lições de um ignorante" (Lecionoj de nesciulo), José Álvaro Editor - Rio de Janeiro, 1967.

## Tiuj okuloj verdaj

*Aŭtoroj:*
*Adolfo Utrera*
*Nilo Menendez*

*Tradukis:*
*Floriano Pessoa*

Okuloj viaj verdaj,
Per rigardo serena,
En mia kor' malplena
Nestigis la pasi'.

Deziron pri karesoj,
Pri kisoj kaj tenero,
La dolĉa amrivero
Kiu fontas el vi;

Okuloj viaj verdaj,
Trankvilaj kiel lago,
Sur kiu bildo mia
Flosadis jam kun ĝu',

Ne scias: nostalgia
Animon mian lasis:
Okuloj viaj verdaj,
Mi vin ne forgesos plu.

• • • • • • • • • • •

## Aquellos ojos verdes

*Aquellos ojos verdes,*
*De mirada serena,*
*Dejaron en mi alma*
*Eterna sed de amar*

*Anhelos de caricias,*
*De besos y ternuras,*
*De todas las dulzuras*
*Que sabian brindar*

*Aquellos ojos verdes,*
*Serenos como um lago,*
*En cuyas quietas aguas*
*Un dia me miré*

*No saben las tristezas*
*Que en mi alma han dejado*
*Aquellos ojos verdes*
*Que yo nunca olvidaré.*

# Politiko kaj Etiko

## Ambaŭ devas meriti komencajn majusklojn



**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*

En iu tago de Januaro podkasta programo de Radio Polonia prezentis interesan temspektron, inter alie pri laŭleĝe permesata hejma edukado de infanoj, mediprotektado kun specialaj informoj kaj konsideroj de itala esperantisto pri la prirubaĵa problemo napola, reformo de la pola sansistemo, pola mastrumado kaj reformo de la ŝtataj financoj kaj biografiaj notoj pri elstara pola aktoro. Sed plej tiris mian atenton kaj intereson projekto pri postdiplomaj studumoj por politikistoj, ĉefe sed ne sole por gejunuloj.

Tiujn podkastajn ĉiutagajn programojn oni povas aŭskulti en la al ĉiu plej oportunaj dato kaj horo, ĉar ĉiu programo estas disponebla en la paĝaro de Radio Polonia dum dek tagoj *(http://www.polskieradio.pl/podcast/39/podcast.xml)*. Ili ne nur helpas al la ellernado de Esperanto, kiu estas bona enkondukilo al la sento pri universala civitaneco, sed per si mem vekas tiun senton. La ekkono pri aliaj landoj, ties politikaj kaj sociaj problemoj kaj respektivaj solvoj aŭ solvprovoj, kulturo kaj historio kaj propra elrigardo al la mondo estas ankaŭ iaspeca edukado al la monda civitaneco pro la konstato, ke ŝanĝiĝas la geografia loko kaj la kultura etoso, sed funde la homaj aspiroj, sukcesoj, frustroj kaj suferoj restas la samaj aŭ ekvivalentaj.

Oni aranĝas la menciitajn studumojn, el kiuj la unuan el la la vico oni realigos nunjare. La antaŭvidata temaro por ĝi estas: funkciado kaj administrado de la ŝtato, internacia kunteksto kaj amaskomunikado. Povas esti, ke en aliaj venontaj studumoj oni ŝtopos mankon de ĉi tiu. Politikistoj bezonas ja ankaŭ tiujn kaj aliajn sciojn, ĝeneralajn kaj teknikajn, por la adekvata plenumado de siaj taskoj, se nomumitaj aŭ elektitaj por decidrajtigaj postenoj en leĝofarejoj kaj ŝtatadministrejoj. Tamen la tra la mondo plej sentata manko en politikaj medio estas pri Etiko, kaj ĉi tiun oni ne enmetis en la temaron.

Mi ne scias kiomgrade la kono pri la ĝustaj prietikaj konceptoj, kiun oni povus akiri en tiaj studumoj, povus naski etikan konduton. Verdire ne ĉiuj niaj politikistoj venis el inter tiuj, kiuj apenaŭ scias diri du frazojn sen ia atenco al la lingvo. Estas inter ili multe da homoj universitate edukitaj kaj eĉ brilaj argumentantoj. Kaj oni povas konstati, ke moralmankajn sintenojn ĉi tiuj ne malpli ol la aliaj prenas al si. Kaj ili havas ja la grandan avantaĝon, ke ili sindefende povas elokvente paroli kaj lerte elturniĝi el prikrimaj akuzoj. Ili estas sendube pli nocaj al la socio ol iliaj primaraj kolegoj. Kaj ili ordinare havas ankaŭ pli da ŝancoj ricevi la apogon de bonaj advokatoj kaj de siaj samnivele moralaj kolegoj.

La pli bona taksokapablo pri etikaj valoroj servunta al ili por elekti etikajn vojojn, funkcias pli kiel helpilo por maski realajn intencojn aŭ travestiĝi kiel moralporbatalantoj. Ili ja scias, ke la popolo estas ĝenerale tro naiva por adekvate vidi la homon malantaŭ la masko. Bedaŭrinde ili scias ankaŭ, ke ili mem estas nur pli rafinita eldono de multaj el tiuj homoj al kiuj ili adresas siajn kaĵolaĵojn, flataĵojn aŭ subdiritajn minacojn kaj ĉantaĝojn – ankaŭ aliaj havas vitrajn tegmentojn. La granda diferenco estas, ke ili teorie konas, sed praktike – iuj dirus pragmate – ignoras etikajn principojn.

La multpolitikista ignoro de moralaj principoj devus estigi, en la socio, la ĝustan indignon, kiun la neadekvata fojfoja sinteno de pedofiliaj pastroj aŭ instruistoj elvokas. Unuj kaj aliaj estas neindaj je la postenoj,

*(Daŭrigota sur paĝo 10)*

(Daŭrigo de paĝo 10)

kiujn ili okupas. La unuaj fiege viktimigas infanojn kaj adoleskantojn, la aliaj nocas al amasoj, al la socio. De politikistoj kaj edukistoj, religiaj aŭ laikaj, oni rajtas atendi ekzemplodonan konduton en la plenumado de iliaj taskoj. La unuaj nocas ne nur tiom pro enpoŝigata profito el subaĉetado kaj koruptado, kiom pro la sociaj konsekvencoj de iliaj decidoj, kiuj povas iĝi gigante pli grandaj ol la mono devojigita al la propraj kaj amikaj poŝoj.

Tamen valoras la penon krei tiajn kursojn kaj interesigi junulojn pri ili, por prepari ne nur politikistojn, sed ankaŭ tiujn, kiuj povos preventi aŭ moderigi la, el la morala vidpunkto, neadekvatan sintenon de aŭdace senhonte kaj senĝeniĝe deliktantaj politikistoj. "La espero la lasta mortas" kaj ja "guto malgranda konstante frapanta traboras la monton granitan". Oni pensu ankaŭ, ke indas majoritatigi tiun apogindan minoritaton, kiun konsistigas la honeste boninenca politika batalantaro. Per saĝa elekto okaze de balotadoj oni stimulu ilin persiste kaj efike labori. Oni saĝe evitu kunkulpi pri estontaj koruptado, subaĉetado kaj neniofarado en niaj politikejoj.





**Manoel Borges dos Santos**
*(Dokito)*
*Muritiba-BA*

## LA NATURO

Se ni flugadus alte sur la spaco
Kaj kiel birdoj preskaŭ super nuboj,
Ho, ni kontemplus sur la tersurfaco
La mil vojetojn kun graciaj kurboj...

Ĉe la Naturo ni renkontus pacon,
Tre malproksime de la grandaj urboj,
Kiel ni trovas de la viv´ korlacon
Pro la bruego, luktoj kaj perturboj...

Mi volas vivi ĉe l´ Patrin´ Naturo,
De l´ mond´ izolita sur la turo,
For de l´ disputoj, sangoverŝ´, milito...

Redonu, Patr´ al viaj povraj filoj.
La sanktan pacon, por ke dum jarmiloj,
Lumigu nin la Sun´ de l´ Infinito!...

Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 6 – Nº 17 – 2008

# Ciclo de palestras da BEL faz sucesso





O ciclo de palestras "BEL-konferencoj", ocorrido em pleno carnaval na Casa de Cultura de Lorena, entre os dias 3 e 4 de fevereiro de 2008, contou com a participação de cerca de 50 esperantistas de várias cidades do Brasil. Sete palestras enriqueceram a programação do evento: "Direitos Lingüísticos" com o Prof. José Passini, atual presidente da Liga Brasileira de Esperanto (BEL); "Dicionários em Esperanto" com o Prof. Sylla Chaves, autor de vasta literatura didática para o ensino do Esperanto; "Encontro com Fernando Pessoa" com o Prof. Francisco Wechsler, Redator da revista "Brazila Esperantisto"; "Intelectuais brasileiros e o Esperanto" com Aloísio Sartorato, autor de um dos livros didáticos mais populares no Brasil; "Tradução Comparada de Textos em Esperanto" com Floriano Pessoa, membro da Comissão Examinatória da BEL; "Academia de Esperanto" com o Prof. Geraldo Mattos, Ex-Presidente da Academia de Esperanto.

Não pôde comparecer ao evento o Delegado-Titular da Associação Universal de Esperanto, James Piton, que apresentaria o tema "A Associação Universal de Esperanto e o Movimento Esperantista Brasileiro". O tema, no entanto, foi debatido com o público sob a mediação do Vice-Presidente da BEL e organizador do evento, Paulo Sérgio Viana.

Segundo informou Paulo Viana, além de uma entrevista na rádio local, o jornal semanal "Atos" e a página oficial da cidade de Lorena também informaram sobre o evento. A Diretoria da BEL discutirá se a iniciativa fará parte do calendário de atividades dos esperantistas brasileiros.



# Ano Internacional das Línguas

*Mensagem do sr. Koichiro Matsuura, Diretor Geral da Unesco, sobre a celebração do Ano Internacional das Línguas em 2008*




Diretor Geral da UNESCO, Sr. Koichiro Matsuura

O ano de 2008 foi declarado "Ano Internacional das Línguas" pela Assembléia Geral das Nações Unidas. A Unesco, encarregada de coordenar as atividades, tenciona assumir de forma resoluta o papel de principal responsável. A Organização está plenamente consciente da importância decisiva das línguas frente aos inúmeros desafios que a humanidade deverá enfrentar nos próximos decênios. As línguas são essenciais para a identidade dos grupos e dos indivíduos, bem como para sua coexistência pacífica. Elas constituem um fator estratégico para a obtenção de um desenvolvimento sustentável, além de uma articulação harmoniosa entre o que é global e o que é local. São de máxima importância para atingir os seis objetivos da Educação Para Todos (EPT), assim como os Objetivos de Desenvolvimento do Milênio (ODM), aprovados pelas Nações Unidas em 2000. Como fatores de integração social, as línguas ocupam, na verdade, um lugar estratégico na eliminação da extrema pobreza e da fome (ODM 1); como suportes na alfabetização, na aquisição de conhecimentos e de competências, são essenciais para tornar real o ensino primário universal (ODM2); o combate ao HIV e à AIDS (SIDA), à malária e a outras doenças (ODM 6), para chegar às populações atingidas, deve ser feito em suas próprias línguas; a proteção dos conhecimentos e habilidades locais e autóctones, com o objetivo de assegurar uma gestão sustentável do ambiente (ODM 7) está intrinsecamenteligada às línguas locais e autóctones. Além disso, a diversidade cultural está estreitamente ligada à diversidade lingüística, como mostram a Declaração Universal sobre a Diversidade Cultural e seu Plano de Ação (2001), a Convenção para a Salvaguarda do Patrimônio Cultural Imaterial (2003) e a Convenção sobre a Proteção e a Promoção da Diversidade das Expressões Culturais (2005). Contudo, mais de 50% das 7.000 línguas faladas no mundo correm o risco de desaparecer dentro de algu-

mas gerações. Menos de um quarto delas são utilizadas atualmente em escolas e no ciberespaço, e a maioria delas são usadas esporadicamente. Milhares de línguas mesmo que perfeitamente dominadas pelas pessoas que as usam cotidianamente como meio de expressão estão ausentes do sistema educacional, dos meios de comunicação, da indústria editorial e do domínio público em geral. Por isso é preciso agir. Mas como? Com o encorajamento e com o desenvolvimento de políticas lingüísticas que permitam a cada comunidade lingüística usar sua língua principal, ou materna, tão amplamente e freqüentemente quão possível, incluindo o uso na educação, ao lado do uso de uma língua nacional ou regional e de uma língua internacional. Além de incentivar os falantes das línguas dominantes a usar outra língua nacional ou regional e uma ou duas línguas internacionais. Apenas com a aceitação plena do multilingüismo todas as línguas ocuparão seus lugares no nosso mundo globalizado. A Unesco, portanto, convida os governos, as organizações da Nações Unidas, as organizações das sociedades civis, as instituições educacionais, as associações profissionais e todas as demais organizações a fomentar em suas atividades o respeito, a promoção e a proteção de todas as línguas, em especial daquelas ameaçadas de extinção, em todas as situações da vida individual ou coletiva. Quer seja através de iniciativas nos campos da educação, do ciberespaço ou no contexto alfabetizado; quer seja através de projetos para a salvaguarda das línguas ameaçadas ou para a promoção das línguas como instrumentos de integração social; quer seja para explorar a relação entre as línguas e a economia, entre as línguas e os conhecimentos autóctones ou entre as línguas e a criação, é importante promover por toda parte a idéia de que as línguas são importantes. A data de 21 de fevereiro de 2008, dia do Ano Internacional da Língua Materna, terá nesse contexto um significado particularmente importante e será uma ocasião muito propícia para o lançamento de iniciativas para a promoção das línguas. Nosso objetivo comum é tornar reconhecida nacional, regional e internacionalmente a importância da diversidade lingüística e do multilingüismo nos sistemas educacionais, administrativos e jurídicos, nas manifestações culturais e também nos meios de comunicação, no ciberespaço e nos intercâmbios comerciais

O Ano Internacional das Línguas em 2008 será uma oportunidade única para alcançar de maneira decisiva a realização desses objetivos.



---

*Texto traduzido do Esperanto por **Tulio Flores***




# Aniversário do EKZ

Cerca de 80 pessoas compareceram à festa de aniversário de 59 anos do Esperanta Klubo Zamenhof (EKZ) realizada no dia 25 de janeiro de 2008 em São Miguel Paulista, na Capital Paulista. Por motivo de Saúde, o atual presidente e co-fundador do clube, Dr. Osvaldo Pires de Holanda, não pôde comparecer ao evento.

A tradicional mensagem de boas vindas do presidente do EKZ foram substituídas pelas palavras encorajamento do vice-presidente do clube, Joel Afonso Francisco, da cidade de Praia Grande, que apresentou, juntamente com José Luiz, também de Praia Grande, um divertido número teatral em Português e Esperanto, com a participação do público.

Após esta apresentação lúdica, o instrutor de cursos, o jovem e também membro da diretoria Osmar da Silva Alves, fez a chamada dos 14 alunos que participaram dos cursos, básico e intermediário, realizados na sede do clube em 2007.

## Audiência pública da diversidade lingüística do Brasil

Conforme anunciado, realizou-se em (13/12/2007), na Câmara dos Deputados Federais em Brasília (DF) a audiência pública da diversidade lingüística do Brasil.

Na oportunidade foi apresentado o Relatório de Atividades do Grupo de Trabalho da Diversidade Lingüística do Brasil.

Dentre muitas informações do Relatório, ficamos sabendo que no Brasil de hoje são falados por volta de 200 idiomas. As nações indígenas do país falam cerca de 180 línguas chamadas de autóctones), e as comunidades de descendentes de imigrantes cerca de 30 línguas (chamadas de línguas alóctones). Além disso, usam-se pelo menos duas línguas de sinais de comunidades surdas, línguas crioulas, e práticas lingüísticas diferenciadas nos quilombos, muitos já reconhecidos pelo Estado, e outras comunidades afro-brasileiras.

Representando o movimento esperantista comparecerem: Emerson Werneck, Paulo Nascentes e Carlos Maria.

Emerson e Paulo, usando da palavra, deram informações sobre o Esperanto e o movimento esperantista.

Carlos Maria fez chegar às mãos dos membros da Comissão os textos "Mensagem do Diretor-Geral da Unesco sobre o ano da Língua" e o "Manifesto de Praga" além de exemplares do prospecto editado pela Liga Brasileira de Esperanto."

***Informou: Carlos Maria por meio da lista "Esperanto em Brasília"***

# O adeus de Claude Piron



A comunidade esperantista se despede de um de seus mais ilustres representantes, o pisicólogo suíço Claude Piron, que faleceu no dia 22 de janeiro de 2008, com 76 anos, vítima de infarto. Claude Piron nasceu em 1931, na Bélgica. Durante vários anos (1956-1961) trabalhou como tradutor, para as Nacões Unidas, e posteriormente para a Organização Mundial da Saúde. Além de tradutor, foi também lingüista e escritor, cuja vasta bibliografia inclui livros didáticos, paradidáticos, romances, novelas, poesia, obras técnicas e muitos artigos, em várias línguas, para jornais e revistas. Sua obra mais famosa, "O Desafio das Línguas", escrita originalmente em francês e traduzida para outras línguas, inclusive o Português, aborda o tema da comunicação em nível internacional. Não menos famosos são seus livros "Gerda Malaperis!" (Gerda Desapareceu!), romance paradidático de aventura policial, e "La Bona Lingvo" (A Boa Língua"), ensaio lingüístico em defesa da evolução do Esperanto como uma língua simples, longe das preferências duvidosas e perigosas dos intelectuais das letras. A vasta obra, em e sobre o Esperanto, que nos deixa Claude Piron, mais seu exemplo de toda uma vida dedicada a difusão do idioma, é um tesouro do qual deve se orgulha todo cidadão planetário. Dankon, amiko!

## Nova diretoria da APE

Em Assembléia Geral Ordinária, realizada em 23/02/2008, foi eleita a nova diretoria da Associação Paulista de Esperanto, para o biênio 2008-2009.

**A nova diretoria está assim constituída:**

***Presidente:*** *Genildo Martins Coelho*
***Vice-Presidente:*** *Francisca Martos*
***1º Secretário:*** *José Roberto Tenório da Silva*
***2ª Secretária:*** *Aparecida de Lurdes de Lucas*
***1º Tesoureiro:*** *José Martins Coelho*
***2º Tesoureiro:*** *Joel Afonso Francisco*
*Diretor de Propaganda: Arnaldo Alves de Oliveira*

**Conselho Fiscal:**

*Alonso Bezerra Lima*
*Marija Pozder Almada*
*Paula Cristina Medve Zulques*

**Suplentes do Conselho Fiscal:**

*Dr. Floriano Pessoa Filho e Dr. Paulo Sérgio Viana*

# Encontro Regional de Esperanto en Bauru

**Matéria escrita por:**
***José Roberto Tenório***
**(com a valiosa colaboração de José Simas)**

O Encontro Regional de Esperanto 2008, ocorrido entre os dias 19 e 20 de janeiro na cidade de Bauru/SP, abriu o calendário 2008 de atividades do movimento esperantista brasileiro. O evento foi organizado pela Sociedade Bauruense de Esperanto com o apoio cultural e estrutural do Centro Hermes de Educação Superior Ltda. e da 21ª Subsecção da OAB/Bauru. Cerca de 50 pessoas compareceram à solenidade de abertura, que aconteceu no sábado à noite, no auditório da Ordem dos Advogados de Bauru (Casa do Advogado). Na ocasião os organizadores do evento prestaram uma homenagem, em forma de palestra com "slide" sobre um telão, ao esperantista mais antigo da cidade, o Sr. Sebastião Paiva, que foi representado por familiares, homenagem essa apresentada pelo samideano José dos Santos Simas, que foi criado e educado na Instituição fundada e dirigida pelo homenageado, desde os 5 anos de idade até a sua maioridade.

Quanto à parte artística, o público foi pego de surpresa com a declamação dos poemas "As Mãos" e "Não me interrompam", pelo Presidente da Academia Bauruense de Letras, Munir Zalaf, e com o número musical da cantora Ana Person que, ao final de sua apresentação, nos deixou como única opção a seguinte conclusão: não nascera apenas para cantar, mas para encantar a todos com sua musicalidade expressa não somente na voz maviosa, mas presente e transbordante em cada gesto. Ela cantou em Esperanto a canção "Vera Amiko" (Amigo de Verdade) de sua autoria e que foi gravada no seu primeiro CD, "Que eu Traga na Canção", e será gravada agora, em Português, no seu segundo CD, "Além do Tempo", que chegará no próximo mês. Saiba mais sobre Ana Person no sítio www.anaperson.com.br.

Na ocasião também foi apresentada a página, em construção, da Sociedade Bauruense de Esperanto, que já está disponível na internet no endereço <*www.esperantobauru.com.br*>.

A Associação Paulista de Esperanto foi representada pelo seu Vice-presidente, José Roberto Tenório, que saudou os presentes, esperançoso de ver mais eventos como este em outras cidades do Estado.

Cerca de 20 pessoas participaram das atividades anteriores e posteriores à solenidade de abertura. Além da roda de debate sobre o tema do evento "Esperanto en la Internacia Jaro de Lingvoj" (O Esperanto no Ano Internacional das Línguas), dirigida por José Mauro Progiante (Bauru/SP), das seções de vídeos e da aula-demonstração de Aikido, pelo Professor Márcio M. Nacamura, a programação do evento contou com as seguintes palestras: "La Difinoj de Amo: Eros, Philia, Agapé" (As Definições do Amor: Eros, Philia, Agapé), com José Mauro Progiante (Bauru/SP); "Minha Viagem a Países do Oriente", com Aparecida de Souza Araújo (São Paulo/SP); "La Infanoj estas la Estonteco de Esperanto" (As Crianças são o Futuro do Esperanto), com Luiz Guilherme Jardim (Charqueada/SP).




Também marcou presença no Encontro a Seção Brasileira da Liga Internacional dos Professores Esperantistas (ILEI), com sua tradicional banca de livros, mais a palestra "Kiel virtuale akceli lingvolernadon per principoj de rolludado" (Como acelerar virtualmente o ensino de línguas com os princípios de RPG), com José Roberto Tenório (São Paulo/SP).

Apesar do evento ter inaugurado o calendário de atividades esperantistas um tanto cedo, em janeiro, o saldo foi muito positivo, tanto para os organizadores, quanto para o movimento esperantista de Bauru, pois o Encontro foi anunciado em um dos jornais e programas de rádio daquela cidade, e a própria TV Record local veio registrar o evento. A gravação, que durou cerca de 15 minutos, contou com a participação de Aparecida de Souza Araújo, membro da Associação Paulista de Esperanto, que mostrou fotos de sua viagem de 70 dias, realizada em 2007, a países do Oriente.

O Centro Hermes de Educação Superior, empresa conveniada à Fundação Getúlio Vargas, um complexo educacional com moderna infraestrutura para acolher alunos de cursos de pós-graduação e extensão na área Administrativa, possui salas climatizadas e equipadas com recursos multimídias, com acesso à internet, e dispositivos para teleconferências. Segundo o presidente da Sociedade Bauruense de Esperanto, Luiz Carlos Morais, toda essa estrutura, que foi disponibilizada graciosamente aos participantes do Encontro Regional de Esperanto 2008, estará à disposição

do grupo local para realização de cursos de Esperanto.

O Centro Hermes – Conveniado da FGV, é dirigido pela esperantista D. Dina de Lima Andreani, conhecida até no exterior através do seu boletim "Lumturo", que ela edita desde os tempos que morava em Minas Gerais, e as filhas Renata e Kátia, que muito se esforçaram para que o evento ocorresse com o melhor brilhantismo, o que de fato aconteceu, pois apesar do pequeno número de participantes contou com a ótima estrutura acima mencionada e com o carinho e abnegação das duas e dos próprios funcionários da entidade que estiveram à nossa disposição dando todo o apoio técnico de que precisamos. No último dia do evento D. Dina ainda sorteou entre os presentes três exemplares do livro "Programado pri Edukado kaj Persona Disvolviĝado" de Carlos Sebastião Andriani e traduzido por ela para o Esperanto e que foi lançado no Congresso Brasileiro de Esperanto, em Campinas, em 2006.

Este é o resultado da parceria de um grupo de esperantistas ativos e de uma instituição educacional que apóia a cultura local em suas mais variadas manifestações.

A Sociedade Bauruense de Esperanto, que adquiriu sua sede própria em 1999, é composta dos seguintes diretores: Luiz Carlos Morais, Presidente; Sílvio Motta Maximino, Vice-presidente; Edemur Moralles, Secretário; Sérgio Golino, Tesoureiro; Rubens César Colacino, 1º Vogal; José dos Santos Simas, 2º Vogal. Do Conselho Superior fazem parte: Luciano Martínez Y Martínez, Presidente; Maria Sílvia Pereira Freitas, Secretária e demais membros: Regina Xavier Lissone de Oliveira e Marcelo Machado Pereira.

Os cursos de Esperanto em Bauru são ministrados pelos instrutores José Mauro Progiante, Luiz Carlos Morais, Luciano Martínez Y Martínez, Sílvio Motta Maximino e José dos Santos Simas, que lecionam na sede da SBE; também dão aulas de Esperanto o Prof. Antônio João Fraga Padilha, em sua residência, o Prof. Euclydes Geraldis de Carvalho e Cleuza Banhoz dos Santos, que ensinam Esperanto em Centros Espíritas da cidade.







# La pasinteca hejmo

*Aŭtorino:*
*Heloisa Seixas*

*Tradukis:*
*Aloísio Sartorato*



— Mi volas foriri.

— Ĉu vi volas foriri?

— Jes.

— Kien, panjo?

— Mi volas iri hejmen.

— Sed vi jam estas hejme, panjo.

Silento.

— Mi volas iri hejmen.

— Vi jam estas hejme. Vi loĝas ĉi tie. Ni loĝas ĉi tie.

Silento.

— Mi volas foriri. Mi volas iri hejmen.

— Panjo, mi jam parolis pli ol milfoje. Ĉi tiu estas nia hejmo. Ĉu vi ne vidas la vivĉambron, la meblojn, la eksteran pejzaĝon? Ĉio estas sama kiel antaŭe. Nenio ŝanĝiĝis.

— Sed mi volas iri hejmen. Al la alia hejmo.

— Al kiu alia hejmo, panjo?

— Al la alia. La ĉi tiea fenestro estas tre larĝa, ĝi etendiĝas tra la tuta muro. Ĝi timigas min. La alia, ne. La alia havas pli mallarĝajn fenestrojn, mi scias tre bone.

Silento.

— Ĉu vi ne kondukos min hejmen?

— Ne.

— Kial vi faras tion al mi? Ni foriru, bonvole!

Silento.

— Jam vesperiĝas. Mi timas. Bonvolu konduki min hejmen. Mi volas iri hejmen antaŭ la noktiĝo.

Silento.

* * *

La virino paŝis ĝis la fenestro kaj, apogante la manojn sur la balustrado, rigardis la eksteran pejzaĝon kaj enspiris profunde. Poste ŝi turnis sin malantaŭen kaj fikse rigardis la patrinon sidantan sur la sofo. Ŝi havis timplenan, petegantan rigardon. Ŝiaj senbrilaj okuloj faris subtilajn movojn, preskaŭ nepercepteblajn, kvazaŭ ili serĉus ion. Estis rigardo plena je timo, tiu de ŝia patrino. Sed almenaŭ nun ŝi estis kvieta.

Dum momento ŝi silentis, ne plu petegis ke ili foriru.

Tio okazis jam de pluraj tagoj. Komence la virino surpriziĝis, sen kompreni kia stranga mekanismo estiĝis en la senila menso de ŝia patrino. Sed nun subite ŝi plene konsciis pri kiu hejmo temis. Estis la nemateria kaj neatingebla hejmo de ŝia juneco, estis iu ne plu ekzistanta loko, kiu ne plu reekzistos.

La hejmo de la pasinteco. 



**Jorge das Neves**
*(Georgo das Neves)*
*Rio de Janiero/RJ*

*(Omaĝo al L.L. Zamehof)*

## Esperanto eternas

Kun la tempo ŝanĝiĝas la aferoj
kaj pro tio la vivo estas bela:
ŝanĝiĝas ĉio, veroj kaj misteroj,
eĉ historio foje tre fidela....

En la homoj ŝanĝiĝas vivmodeloj,
en virinoj koloro de hararo,
en l' universo brilo de la steloj,
ŝanĝiĝas sablomontoj en Saharo!

Sed kial ne ŝanĝiĝas Esperanto?!
Multaj homoj deziris fari tion,
tamen ĝi estas forta diamanto
kaj ne perdas la helan dimension.

Ĉapelitaj literoj, gramatiko,
la frazkonstruo, ritmo, sonoro...
neniel venkas tion la kritiko
: restas eterna nia Lingva Floro!



**Manoel Borges dos Santos**
*(Dokito)*
*Muritiba-BA*

## El Kie Mi Venas?

Ne pensu ke mi venis el planedo,
El for, - Saturno Mars´ Jupitero...
Mi venis mem el Planedo Tero,
Dum viv´ ekiĝis el la Mara bedo...

Mi venis al la Tero kun oscedo,
Daŭranta milojn por la mondkonkero...
Multajn vivojn mi vivis kun espero
Atingi perfektecon laŭ la kredo.

La Tempo pasis kaj la Viv´englutis,
Sokratan trinkon kiam ĝi cikutis,
Komplikaj plektoj de l` Terevoluo...

Mi venis al abismoj de l´milito,
Kaj serĉas Pacon, nun en infinito,
Per la ekzempl´ eterna de Jesuo!...



## NEKROLOGO

*OSIRO SILVEIRA (1931 - 2008)*

La 10-an de la pasinta Julio 2007 forpasis en San-Paŭlo la sociologo Osiro Silveira, emerita direktoro de duagrada lernejo en tiu ĉi Ĉefurbo kaj Ŝtata eksdeputito.

Kvankam tre inteligenta kaj amanto de la lingvo Esperanto, bedaŭrinde li neniam trovis tempon por lerni la lingvon. Tamen estis per lia interveno ĉe lia amiko, la Ŝtata eksdeputito Carlos Kerlakian, ke li sukcesis aprobigi la dekreton 3.257 de la 6-a de Decembro 1955, kiu agnoskis Esperantan Klubon Zamenhof kiel societon de publika utileco.

Osiro estis vicprezidanto de E.K.Z. dum la oficperiodo 1978/1980. Kiel elmontro de sia estimo al Esperanto li donacis aŭtomobilon "Opala" al EASP, en la epoko je la valoro de 8 milionoj da kruzejroj.

Dum estrarkunsido okazinta la 13-an de Aprilo 1985, Eurico A. Ribeiro proponis la tiaman deputiton Osiro Silveira kiel honoran membron de EASP.

*Osvaldo Pires de Holanda*

# Ducentjariĝo de alveno de la reĝa familio al Brazilo

*Resumo de prelego farita de mi dum la sepdeka renkontiĝo de Paraíba Valo, en la urbo Paraíba do Sul.*

**Márcio Santos**
*Rio de Janeiro/RJ*

En la unuaj jaroj de la deknaŭa jarcento, parto de Eŭropo estis sub la rego de Napoleono, imperiestro de Francio. La nura baro kontraŭ la plifirmigo de lia imperio en Eŭropo estis Anglio, kiu pro ĝia insula situacio, ekonomia povo kaj mara superego, ne estis konkerita. Por venki ĝin, Napoleono kreis la kontinentan blokadon, tio estas, ordonis la fermon de la havenoj de la eŭropaj landoj al la angla komerco. Li celis malfortigi la anglan ekonomion, kiu regis la varan komercon, kaj havigi aĉetantojn por la francaj varoj.

La registaro de Portugalio prokrastis la akcepton de la ordono, pro sia alianco kun Anglio, de kiu Portugalio estis tre dependa, sed la portugaloj ne havis militan povon por venki Francion. La angloj sugestis, ke la sidejo de la portugala imperio translokiĝu al Brazilo. Multaj membroj de la portugala monarkio ankaŭ opiniis tiel.

Finfine la regenta princo Johano decidis fuĝi al Brazilo unu tagon antaŭ la franca invado. Sed la enŝipigo de miloj da homoj kun iliaj posedaĵoj subite iĝis tre konfuza. La tuta ŝtata burokrataro venis al la kolonio: ministroj, konsilistoj, juĝistoj, funkciuloj de la ŝtata kaso, oficiroj de Armeo, Mararmeo kaj membroj de la supera pastraro. Kestoj kun vestoj, valizoj, sakoj, ĉion tia kortego alportis, krom la riĉecaĵojn: artaĵoj, muzeaj objektoj, la Reĝa Biblioteko kun pli ol 60.000 libroj, la tuta mono de la ŝtata kaso kaj juveloj estis metitaj en la holdoj, same kiel ĉevaloj, bovoj, bovinoj, porkoj, kokinoj kaj aliaj manĝaĵoj. En la mateno de la 29a de novembro la portugala ŝiparo finfine foriris el Lisbono al Rio de Janeiro.

La vojaĝo ne estis facila, en la ŝipoj plenplenaj ne estis spaco por ĉio. Pluraj vojaĝis kun la vesto de la korpo, ĉar ne ĉio

*Geoff Hunt: Alveno de la reĝa familio.*



estis enŝipigita, pro la motivo ke la spaco de la ŝipoj delonge estis transpasita. Akvo kaj manĝaĵoj estis limigitaj kaj estis problemo eĉ higiena, ĉar okazis pedika epidemio en la ŝipoj kaj la virinoj razis la harojn, eĉ virinoj de la reĝa familio.

La veno de la portugala kortego al Rio de Janeiro ŝanĝis ĝin. La urbo kiun alilandanoj opiniis malpura, malbela kaj malbonodora ekkreskis kaj zorgis pli la aspekton, malfermante sin al la eŭropa modo. En tiu epoko estis konstruitaj fontanoj por liveri akvon, pontojn, troturarojn, oni malfermis stratojn, vojojn, estis instalita publika lumigo, okazis kontrolo de bazaroj, buĉejoj, oni organizis plublikajn festojn. Tiuj plibonigoj okazis, multajn fojojn, per monhelpo de riĉaj loĝantoj, kiuj siavice ricevis materiajn profitojn kaj nobelajn ordenojn de la regenta princo.

Dum la periodo de la ĉeesto de D João en Rio de Janeiro, la kvanto da loĝantoj duobliĝis en la ĉefurbo, de 50 mil al 100 mil. Alvenis eŭropanoj el diversaj landoj, kun diversaj celoj. Kelkaj celante komerci kaj aliaj celante laboradi. Estis hispanoj, francoj, angloj, germanoj, svisoj, k.a. kun

diversaj profesioj: kuracistoj, instruistoj, tajloroj, kuiristoj, masonistoj, k.a. krom tiuj kvalifikitaj funkciistoj ankaŭ venis diplomatiaj reprezentantoj, pro la motivo ke la urbo nun estis la sidejo de la portugala registaro.

Tamen la ĉeesto, samtempe, de sklavoj kaj liberaj homoj en la urbo timigis la kortegon. Tio maltrankviligis la blankulojn kaj estis konstanta maltrankvilo por la aŭtoritatoj. Multaj sklavoj fuĝintaj organizis komunumojn en la arbaroj proksimaj de la urbo kun centoj da homoj, kaj tio pligrandigis la socian malsekuran etoson.


*Richard Bates: preĝejo Sankta Militista Kruco*

En la jaro 1810 estis subskribitaj Traktatoj de Amikeco, Komerco kaj Navigado. Tiuj traktatoj finis la portugalan monopolon kaj trafis la interesojn de la portugalaj komercistoj, krom humiligi la portugalan reĝon. Anglio altrudis por si avantaĝojn: la rajto de angloj loĝantaj en la lokoj regataj de la portugaloj esti juĝataj laŭ la anglaj leĝoj kaj de anglaj juĝistoj, rajto konstrui tombejon kaj preĝejon nur por ili, garantio ke Inkvizicio ne estos instalita en Brazilo, la alveno de anglaj varoj al Brazilo pagante 15% en la dogano, malpli ol la kotizo pagata de la portugaloj mem kiu estis 16%, kaj multe pli malalta ol de la aliaj landoj kiuj pagis 24% en la doganoj.

Pri la sklavigo estis difinita laŭgrada abolicio de la vendado de sklavoj kaj ke la portugaloj nur kaptos sklavojn en la regionoj apartenantaj al Portugalio. La angloj klopodis eĉ altrudi daton por la fino de la vendado de sklavoj en la portugala regno, same kiel kontrolon de la ŝipoj taksotaj de la angloj kiel suspektaj komerci sklavojn.

La princo, en la 28a de januaro de 1808, dekretis la malfermon de la havenoj al la internacia komerco. Tiu aranĝo, okazinta pro la neceso de la ĉeesto de la kortego en Rio de Janeiro, finis la komercan monopolon, bazo de la rilatoj inter metropolo kaj kolonio, kaj estas konsiderata de la historiistoj kiel la vera sendependenco de Brazilo.

Dum aprilo 1808 D João malvalidigis la dekretojn, kiuj malpermesis instalon de manufakturoj en la kolonio kaj liberigis de impostoj la importadon de krudaĵoj por la industrio, donis subvencion por industrioj de lano, silko kaj fero, stimulante la uzadon de novaj maŝinoj; kreis, en la sama jaro, la Reĝan Bibliotekon, la unuan Bankon de Brazilo, lernejon de Mararmeo kaj la Reĝan Presejon.

Ankoraŭ dum 1808 D João kreis la Reĝan Ĝardenon, poste Botanika Ĝardeno. Ĝi estis granda ĝardeno por sciencaj eksperimentoj. En ĝi oni celis disvolvi komerceblajn kaj sanigajn vegetalojn. En ĝi estis forcataj spicoj: cinamo, kariofilo, pipro, teaj folioj kaj fruktoj, avokado kaj mango. Multaj el tiuj fruktoj venis el Franca Gvajanio. Oni ankaŭ disvolvis la produktadon de nutraj plantoj, celante ankaŭ kreskigi la terkulturon por kontentigi la ĉefurbon.

En la jaro 1809 oni kreis observatorion, samtempe estis reorganizitaj arsenaloj, oni fondis polvan fabrikon, kaj em 1811, estis instalita Militista Akademio. Tiu institucio celis ankaŭ instrui matematikon, kemion, historion, mineralogion kaj fizikon.

Ĝi taŭgis por diplomi oficirojn de la Armeo kaj inĝenierojn, geografiistojn kaj tipografiistojn, kiuj kapablis gvidi publikajn laboraĵojn kiaj estas havenoj, vojoj, minoj, k.a.

La alveno de la kortego estis utila por Brazilo ĉar kaŭzis la sendependigon de la lando kaj por la angloj, kiuj sukcesis havigi al si monprofitojn.



# Heredaĵoj

***Aŭtoro:***
*Aluísio Azevedo*
***Tradukinto:***
*A.J. de Faria Alvim*
***Fonto:***
*Antologio de Brazilaj Rakontoj*
*El la libro* Pegadas *(Postsignoj)*



**Aluísio Azevedo**
(1857 – 1913)

Verkoj: *O Mulato* (La Mulato), *Casa de Pensão* (Pensiono), *O Cortiço* (La kolektiva Loĝejo), *Livro de uma Sogra* (Bopatrina Libro), *O Homem* (La Viro), *Memórias de um Condenado* (Memoraĵoj de Kondamnito), *Romances e outras novelas* (Romanoj kaj aliaj noveloj).

Kun la brovoj kuntiritaj, la vizaĝo malafabla kaj neŝercema, li laboris malgaje en sia skribotablo, ĝenata de la bruo de du voĉoj, unu voĉo de viro kaj alia de virino, kiuj kvereladis en la apuda ĉambro, je iompostioma kresĉendo de alkutima malpaciĝo.

— Al diablo! Li grumblis, ungogratante sian kapon. Jen estas diskutantaj la du! Ili ne donas al mi trankvilon por ion fari!...

La bruo pligrandiĝis. Kruciĝis pli akraj insultaj paroloj; oni aŭdis pugnobatojn kaj piedfrapadojn sur la mebloj.

— Kia infero!

Kaj la junulo eksplode forlasis sian plumon kaj kuris al la pordo de la ĉambro, tie ekkriante severe:

— Nu, mia patro! ĉu vi do ne intencas fini tion?!

— Ĉu vi ne vidas ke estas via patrino, kiu provokas min?! Kriegis la alia, kvazaŭ sufokiĝanta pro kolero. Venu kaj aŭ skultu nur tion, kion ŝi diras al mi, tiu abomenindulino!

— Nu! Estu saĝa!

— La mallaboremegulo!

— ĉu vi aŭdis?!

— Ne atentu!...

— Ekspluatisto!

— Tio estas troa!

— Lasu ŝin paroli!

— Drinkemulo! Malkuraĝulaĉo

— Makuraĝulo?! Nu do, mi tuj donos al vi montraĵeton pri mia malkuraĝo, ho kolera vipuro

Kaj la homo alsaltis impetege, kun la manoj pretaj por tute ĉirkaŭi la edzinon inter siaj fortaj ungegoj.

Sed la filo, subite, haltigis lian kuradon kaj lin kaptis ĉirkaŭ la fortika dorso, puŝante lin al la ĉambro kie li – la filo – laboradis kaj kies pordon li obstrukciis per sia korpo.

— Lasu min, se vi ne volas penti! Laŭte diris la patro, minacante lin per sia pugno.

— Trankviliĝu! Vi ja estas sufiĉe aĝa por esti saĝa! Fi!

— Zorgu pri viaj paroloj! Rimarku ke mi estas ankoraŭ kapabla premi vin kaj fari el ambaŭ vi unu solan kaĉon!

La filo ne multe atentis pri la nova minaco; li turnis abrupte la pordfermilon kaj sektone diris al la alia

— Hodiaŭ, vi travivis unu el viaj kutimaj malbonaj tagoj, kaj mi bezonas labori;ĉu vi komprenas? Estas pli bone ke vi prenu iom da freŝa aero. Iru promeni sur la ŝoseo. La luno jam leviĝis en la ĉielo kaj la vojo estas seka ĝis la stacidomo...

— Mi ne iros! Neniu, en tiu ĉi domo, havas la rajton ordoni ke mi eliru!

— Konsentite, sed estas preferinde ke vi foriru...

Finfine mi estas via filo, kaj afliktas min esti devigita malrespekti vin, por defendi mian patrinon.

— Venas ja ĝustatempe tiu skrupulo... Nekredeble!...

— Ne diskutu! Mi estas malinklina al diskutado kaj mi estas tre okupita.

— Do vi ne provoku min! Ne enŝoviĝu tien kie vi ne estas vokita!

— Mi ne provokis vin, ba! Mi enmiksiĝis en vian disputon kun mia patrino, nur por ne allasi ke vi batu ŝin. Ĝi ne estas la unua fojo. Mi scias ĝis kie povas trafi via natura inklino!

— Mia natura inklino!... Ĉu vi rajtas paroli pri ĝi?... Ĉu vi ne estas doninta al mi la plej nekontesteblajn pruvojn de bruteco kaj impertinenteco?... Mi ĉiam konis vin kruelega! Ankoraŭ malgrandeta, je kolerimpeto, iufoje, kiam mi volis trudi vin naĝi kune kun mi en la lageto – vi mordis mian brakon, kvazaŭ vi estas iu hundo! Mi konservas, ĝis nun, en la korpo la postsignojn de viaj dentoj! Vidu!

Kaj samtempe la patro refaldis ĝis la bicepso la maldekstran manikon kaj etendis la brakon, streĉitan kaj nudan, antaŭ la okuloj de la filo.

Tiu ĉi mallevis malgaje la kapon, ĉiam kun kuntiritaj brovoj...

— Estas vere... li diris, mi nature similis la miajn... Tamen, mi ĵuras al vi ke mi ĉiam sentas bedaŭron, pro miaj koleremoj, tuj post mia ago... Sed se, antaŭ nelonge, mi ne intervenus en vian disputon kun mia patrino, vi ja estus batinta ŝin...

— Kio estas al vi tia afero? Antaŭ ol ŝi estis via patrino, ŝi jam estas mia edzino! Vi ŝuldas al ŝi respekton, sed mi havas la rajton esti respektata de ŝi!

— Nu, bone! La afero estas finita! Iru promeni; iru, tio estos utila por vi...

— Ĝi tute ne finiĝis; vi volis akcepti la respondecon pri la disputo, do nun vi eltenu ĝin. Se tiel ne estus, mi ne bezonus resti tie ĉi, interŝanĝante vortojn kun vi, vi ja scias ke mi povas tre bone vivi, ne aŭdante vian voĉon...

— Sed kion vi volas trafi?

— Mi celas elverŝi sur vin miajn ĉagrenojn, koncerne vian patrinon kaj vin mem!

La junulo balancis la kapon senpacience kaj forte spirblovis la aeron el siaj pulmoj, plie kuntirante la brovojn.

La alia daŭrigis, spiregante: - Ŝi, laŭ via opinio, povas esti ĉio, kion vi volos; sed, koncerne min, ŝi estas kaj ĉiam estadis iu demono, furio, venena sepento!

— Mi denove revokas en vian memoron ke via edzino estas mia patrino!...

— Mi scias, kaj estas ĝuste danke al tia cirkonstanco ke vi ne bone konas ŝin. Vi ne povas vidi la veran kreitaĵon, kiu en ŝi ekzistas. Ĉiuj virinoj estas por siaj filoj, anĝeloj senpekaj; sed, se tiu demono dirus al vi nur parton de tio, kion al mi ŝi ripetas ĉiumomente, kun sia resentego kaj malico, vi havus konfuzita kaj agitegata la kapon, tia kia estas la mia, en tiu momento!

— Sufiĉe! Mi ne volas tion scii!

— Vi ja scios! Mi ne toleros entrudiĝojn!

— Mi petas do, ke vi silentu aŭ foriru...

— Ĉu vi petas al mi? Je kiu rajto? ĉu vi pensas ke mi cedos al via deziro? Sole la dezirojn de amikoj oni ŝate konsideras, sed vi neniam estis mia amiko!

— Se mi neniam estis via amiko, ĝi ne estas mia kulpo. La amo de la filoj al siaj patroj estas ĉiam konsekvenco de la amo de la patroj; ĝi ne naskiĝas kun la filoj: estas necese estigi ĝin. Mi scias ke mi amas mian patrinon...

— Kia patrino, tia filo! Ŝi deklaras ke ŝi min abomenas; li jesigas ke li neniam amis min...

— Kaj vi Sinjoro?... Ĉu vi iam amis min?

Tamen via patra amo devus esti naskiĝinta samtempe kun mi, kiu estas via filo. Mi rajtis, venante en la mondon, renkonti vian amon atendantan min apud la lito de mia ĝemanta patrino. Tamen, sole la patrina amo akceptis kaj sole ĝi prigardis mian lulilon. Karesojn de patro, mi ne memoras ĉu ilin mi ricevis je la aĝo kiam estiĝas amo en la infanaj koroj. Mi pasis de la dungitaj brakoj de vartistino al pagata ekzilejo, al duaklasa internejo, kien tre malofte vi iris viziti min. Dum tiu tempo, mi konfesas, mi memoris viajn trajtojn pli malprecize ol tiujn de aliaj patroj, kiuj tien iris ofte viziti siajn filojn, pli feliĉajn ol mi; eĉ mi ne scias sincere kiel mi ne tute forgesis ilin! El la internejo, mi eliris rekte, por labori en fremda lando, kie viaj leteroj estis tiel maloftaj, kiel viaj vizitoj al la internejo. Returne al mia lando, mi eniris denove en tiun domon, kie mi estas malvarme akceptita de vi. Iom poste, vi ordonas al mi ke mi prenu, kiel edzinon, iun fraŭlinon, kiun mi apenaŭ konas. Mi rifuzas tion. Vi insistas. Mi sentime rezistas; vi prezentas al mi vigle aron da pravigoj, rilataj al monaj aferoj, kiuj neniel modifas mian decidon. Tiam vi minacas min, kvazaŭ mi estus infano aŭ malsaĝulo, kaj ĵetas en mian vizaĝon ĉiujn ofendajn parolojn, kiuj povas veni al via buŝo. Je la unua fojo, mi bone ekkonis la homon, kiu estas mia patro: mi komencas malamegi vin, kaj unu fojon por ĉiam – mi perdas la senton de respekto al vi kaj insultas vin. De tiu momento, ĉiu indiferenteco kiun vi montris, rilate al mi, ŝanĝiĝis al malamo, malamo prava kaj mortiga. ĝis nun, malgraŭ miaj klopodoj esti bona filo por mia patrino, vi ne atentas almenaŭ maski la profundan antipatiegon, kiun mi inspiras al vi! ĉu ne estas vera ĉio tio?

— Jes! Mi malamas vin, ĉar via konduto kontraŭ mi, rifuzante akcepti kiel edzinon la faŭlinon, kies doto savus vian familion el mononesufiĉeco, estis malinda kaj kruela, konsiderante la sincerecon, kun kiu mi parolis kaj la petegojn, kiujn mi faris al vi!

— Malinda?!

— Plie: ĝi estis tute malnoblega, ĉar ĝi egalvaloris uzurpon kaj ŝtelon.

— Ho!

— Jes, ŝtelon! Mi povas pruvi tion!

— Tute ne! Ne ekzistas motivoj, kiuj pravigu tian foroferadon, nek estas iu homo kun matura saĝo, kiu kunsentus edziĝi, nur pro mona bezono de sia patro!

— Ha! ĝuste tio okazis al mi! Kiel vi, mi forlasis la kolegion por komenci perlabori miajn vivrimedojn for de mia lando; kiam mi revenis en tiun domon, mia patro difinis, same kiel mi agis kun vi, la virinon al kiu mi devus edziĝi. Mi kontraŭstaris, kiel vi nun faras; sed la kompatindulo kondukis min al ĉi tiu ĉambro, kiu estis tiam lia laborkabineto, enfermis sin kun mi en ĝin kaj, plorante, parolis kun korelverŝado al mi, kaj rakontis sian vivon; li diris, ke lia edziĝo estis farita laŭ samaj cirkonstancoj kiel la nunaj, por savi mian avon el honta ruiniĝo, kaj senrezerve, pentris al mi, tiel kiel mi faris al vi, sian malfeliĉan situacion. La kompatinda havis en tiu sama domo riĉan kaj malbelan orfinon, kies kuratoro li estis, kaj kies doton li komplete malŝparegis. Baldaŭ ŝi fariĝus plenaĝa, kaj estus alvenonta la momento timiga reguligi la kontojn pri la doto. Sed mia patro ne posedis la necesan monon. Lia lasta espero konsistis en mia edziĝo al lia zorgatino – tiu abomeninda kreitaĵo, kiu poste fariĝis via patrino. Nu! Malgraŭ ke tiam mi estis amanta pasie alian virinon, kiun ĝis hodiaŭ mi ne povis forgesi, mi ne kuraĝis, kiel vi, malŝatindulo, forlasi mian patron al afliktego kaj publika malhonto, kiuj lin atendis: do mi foroferis mian amon al li. Ĝi estis mia devo, kiel filo; mi faris ĝin. Mia filo siavice ne faris la samon por mi: li ruinigis min! Li estas ŝtelinto!

— Silentu, pro amo al Dio! ekkris la junulo, sentante ke la kolero, tiel malfacile retenita de li, jam minacas eksplodi.

— Mi ne silentos! Vi aŭdos min!

— Ho! Silentu! Silentu! Ne igu min pli malfeliĉa ol mi jam estas! Silentu, aŭ mi ne respondos pri mi!

— Ĉu vi minacas min?! Laŭte diris la patro. Mi ne timas vin!

La junulo kunpremis la pugnon, grincigante la dentojn. Tiel forte li eksplodis por sin regi,

ke ektremis liaj vizaĝaj muskoloj. Kaj la du viroj fikse rigardis unu la alian, anhelantaj, mute sin defiante.

Patro kaj filo kvazaŭ mezuris siajn fortojn, kun sama malamo, sama hereda koleremo kaj sama atavisma frenezo. Unu vorto, nur unu vorto, sufiĉus por ke ili ĵetu sin reciproke unu sur la alian.

Tamen la pordo de la ĉambro subite malfermiĝis kaj aperis la patrino, kiu alkuris al la filo, al kies kolo ŝi impete alkroĉiĝis.

— Mia filo, ne batu lin! Ne batu lin, energie petegis la mizerulino.

— Bone, mi ne tuŝos lin! Dankon, mia patrino, sed li tuj foriru de antaŭ mi... Mi ne povas vidi lin!

— Memoru ke li estas via patro!...

— Lia patro, neniam!... Ne estas eble ke ĉi tiu monstro estas mia filo!

Kaj, ŝaŭmante de kolero, li turnis sin al sia edzino, kun minaca pugno kaj la brako streĉita, preskaŭ tuŝante ŝian vizaĝon.

— Tiu bandito estas el via sango, el via sola sango! Tiu fripono neniam povus deveni de mi! Vi estigis lin el iu ajn cigano aŭ vaganta bovpaŝtisto!

— Ha, — ĝemis la virino, kun dolora kaj indgnoplena krio, metante la manojn sur la koron, kvazaŭ oni ĝin estus ponardinta.

— For, — kriegis la patro. Eliru tuj el mia domo! For gemizeruloj!

Kaj li eksaltis sur la filon, por ĵeti lin eksteren.

Oni tiam aŭdis same kiel blekegon de incitita sovaĝa besto. La junulo, per rapida movo prenis lin je la talio, kriegante kruele:

— Estos vi, kiu eliros, fihomo! Mi rulĵetos vin de la ŝtuparo!

— Kaj ili komencis lukti barbare kaj senbride. Ambaŭ estis fortikaj kaj sentimaj. La junulo ĉirkaŭprenis la alian je la lumbo kaj per krudaj skuoj penis puŝi lin en la koridoron. Tamen, la kontraŭulo rezistis kaj la du pli freneze kungluiĝis transformitaj je unu sola masego, anhelanta kaj furioza, kiu moviĝis per saltoj tra la domo, forpuŝante ĉion, kion ĝi renkontis, disrompante meblojn kaj vitraĵojn frapiĝante kontraŭ la muroj, ĉiam rulfalante, kunigitaj de infera malama ĉirkaŭpremo, rezultanta de malamo, de samsanga malamo.

Fine laĉigis la pli maljuna kaj falis surgenue.

Tiam la alia, staranta, peme ektrenis lin direkte al la ŝtuparo.

— Vi eliros! Vi eliros!

La trenata patro klopodis por ankoraŭ rezisti, firme tenante sin sur la planko per la kruroj, manoj kaj kubutoj; sed, colo post colo, li cedis. Ili spiregadis kiel du virbovoj.

— Lasu min! Lasu min!

— Vi eliros! Vi eliros!

Parto de la elirvojo jam estis venkita. Tiam ili estis preskaŭ alvenintaj al la ŝtupara plataĵo kaj apud la plej alta ŝtupo. Sed la pli maljuna, atinginte iun punkton en la koridoro streĉis siajn fortojn kaj sukcesis levi la kapon kaj kunmetinte siajn manojn, petegis, genue, preskaŭ senspire:

— Haltu ĉi tie, pro amo al Dio! Ne pelu min pli malproksimen... Estis ĝis tie, ĝuste en tiu sama loko, ke mi je identaj cirkonstancoj, unu nokton, similan al la hodiaŭa, trenis vian avon same kiel vi ĵus trenis min!... Ne puŝu min pli malproksimen ol mi puŝis lin... Tio estus maljusta! Vi venĝis lin, ni estas kvitaj.



43-a BKE Fortalezo-Cearao






Infano: kia grundo !

## 12 - 16 de julio 2008

43-a Brazila Kongreso de Esperanto - BKE
28-a Congresso Brasileiro da Juventude Esperantista BKEJ
7-a Infana Kongreseto

http://www.esperantoceara.org.br/bke2008.asp

**Organizanto** **Aŭspiciantо**

Cearaa Esperanto-Asocio 

 Brazila Esperanto-Ligo

